


# INTERNACIA FERVOJISTO

2002. 6.



*Operejo en Dresdeno*



## Kristnaska kanto



De la ĉielo ĝis la tero
malsupren ridas milda stel';
de l' abiar' odor-aero
blovadas spire tra l' etero
kaj nokte regas brila hel'.

Plenigas min ĝojiga timo.
Ja estas nun la sankta hor'!
Sonoras en la malproksimo
preĝeja sonoril'. – Sen limo
Feliĉa estas mia kor'.



Min ree tenas sorĉo pia.
Adore, mire staras mi,
aperas al animo mia
infana songo idilia.
Miraklo estas tio ĉi.



*Verkita de la poeto Stormo Teodoro (1817 - 1888).*

*Esperantigis: Manfredo Ratislavo en decembro de 1983 laŭ la origina germanlingva teksto.*

**Frontpaĝo : Dresdena mondfama konstruaĵo "Operejo"**

# Enhavo




# 55-a IFEF-kongreso en Dresdeno

10-16.05.2003

*Kongresadreso :* 55-a IFEF-Kongreso
Postfach 100 425, DE-61144 FRIEDBERG
Tel /fakso : +49-6031-4617
Retadreso : 55a-IFK@web.de

Bankkonto : 55-a IFK, Henning Hauge, bankkonto 844 741 202
bankkodo 200 100 20, Postbank Hamburg

Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA) kore invitas la membrojn de IFEF, iliajn familianojn kaj ĉiujn geamikojn de Esperanto al la venontjara IFEF-kongreso en Dresdeno. La kongresurbo, metropolo de la lando Saksio, situas en la orienta parto de Germanio. Ĝi estas bone atingebla per altkvalita reto da stratoj kaj fervojoj. Tra la urbo fluas la riverego Elbe, kies grandega inundo en somero 2002 kaŭzis nemezureblan damaĝon. La riparaj laboroj intertempe grandparte finiĝis. La urbo Dresdeno volonte akceptas la kongresanojn. Pri vidindaĵoj kaj historio de Dresdeno aperos detaloj en sekvaj eldonoj de Internacia Fervojisto.

Loka Kongresa Komitato jam eldonis kaj parte ankaŭ disdonis kombinitan invitilon/ aliĝilon, kiun interesuloj povas peti ĉe landa asocio aŭ laŭ informoj en Internacia Fervojisto 5/2002. Tiu broŝuro entenas, krom aliĝilo, detalojn pri la kongresurbo kun skizo de ĝia centra kvartalo kaj priskribon de la ekskursoj. LKK ofertas al la kongresanoj tri kategoriojn da tranoktejoj. La hotelo City-Herberge" situas proksime de la kongresejo (Bürohaus Bürgerwiese, St Petersburger Straße 16 ; telefono- +49 351 4859 900.) En la ĉambroj kun du litoj (prezo por du personoj 46,00 € unu nokton kun matenmanĝo) ne estas flua akvo. Sufiĉaj, bonaj banĉambroj estas apartaj. La hotelo "ibis" situas inter la stacidomo kaj kongresejo. La ĉambroj disponas duŝejon / necesejon, kablotelevidon kaj telefonon. Prezo por du personoj : 92,00 € por unu nokto, inkluzivante riĉenhavan matenmanĝan bufedon. Pri diversaj ekipaĵoj de la ĉambroj, vidu la informojn en Internacia Fervojisto 5/2002.

Pli prezfavora estas la "Motel am Wiesenrand". Ĝi situas en antaŭurbo de Dresdeno kaj estas atingebla per publikaj trafikiloj. La restado dum sep tagoj en dulita ĉambro kun flua akvo kostas 77,00 € por unu persono kaj en ĉambro sen flua akvo 63,00 €. Tiuj prezoj validas nur por kongresanoj el iamaj socialismaj landoj.

Kongresanoj el aliaj landoj pagas 112,00 €, respektive 98,00 €. Trans la koridoro troviĝas je la dispono necesejoj /duŝejoj kaj plene ekipita kuirejo por mem prepari manĝaĵojn.

Dum la kongresa semajno okazos ekskursoj al allogaj celoj en kaj ekster la urbo Dresdeno. Rekomendinda estas ankaŭ unutaga postkongreso al mezepoka urbo Meissen. La kombinita broŝuro invitilo/aliĝilo entenas ĉiujn detalojn. La sekvaj eldonoj de la Internacia Fervojisto publikigos pliajn informojn pri ekskursoj kaj kongresurbo.



*La urbo Dresdeno dum iama tempo*

Jam nun estas haveblaj plurkoloraj glumarkoj kun la kongresemblemo (45 mm x 65 mm). Ĉiu glumarko kostas 0,10 €. Se vi volas mendi ilin, vidu informojn en Internacia Fervojisto 5/2002.

LKK

# UEA-aranĝoj okaze de la UK en Brazilo

**Antaŭkongreso en Rio kaj Salvador de Bahia**

Plej sukcesa estis tiu aranĝo ! 14 personoj el 10 landoj partoprenis. Tre ofte homoj miris, eksciante pri nia kapablo interparoli kaj pri niaj multnombraj devenlandoj. Ni ĝuis la malkovron de la granda urbo Rio de Janejro kaj tiun de la tre bela malnova urbo Salvador. Ni renkontis gesamideanojn en la du vizititaj urboj kaj estis kore akceptitaj.

**87a UK en Fortalezo – Brazilo 03/10 aŭgusto 2002**

La 4an de aŭgusto okazis la Solena Malfermo kun la ĉeesto de la guberniestro de la ŝtato Cearó kaj de reprezentanto de la brazila prezidento, la ministro Alberto Cardoso. Ĉi-lasta legis siajn multajn salutvortojn en tre bona Esperanto-parolo, kiu estis tre aplaŭdita. S-ro patrick Gallaud, reprezentanto de UNESKO, legis mesaĝon de Asista Directoro de UNESKO por Edukado. Vespere, la Nacia Vespero fariĝis grandioza evento kie oni prezentis la popolan kulturon de Brazilo.

Finfine 1484 aliĝintoj el 58 landoj partoprenis tiun kongreson. Pli ol la duono estis brazilanoj, kaj estis multe pli da junuloj ol kutime. La kongresa kuriero nomiĝis "la bela sonĝo de l'Omaro", ĝi aperis 6 foje dum la semajno. La temo estis: "Diverseco –ŝanco, ne minaco".




*Emblemo de la UEA kongresa kuriero*

S-ro Patrick Gallaud, reprezent anto de UNESKO okazigis plurajn kunvenojn pri UNESKO. Li partoprenis la Cseh-kursojn kaj ricevis ateston de lernado. Li diris, ke estas ebleco krei plurajn E-Unesko-klubojn en Brazilo kaj aliloke.

**IFEF kunveno dum UK en Fortalezo**

Lunde, la 5an de aŭgusto 2002, kunvenis 16 homoj el 7 landoj interesitaj pri fervojo. Prezidis inĝ. István Gulyás, vicprezidanto de IFEF. Li konigis la historion de IFEF kaj raportis pri la 54-a IFEF kongreso okazinta en Plovdiv (Bulgario). Li parolis pri la esperanta movado ĉe la fervojistoj kaj pri la venontaj IFEF kongresoj. La ĉeestantoj interesiĝis pri la venonta IFEF kongreso de 2006 en Ĉinio. La kunlaboro kun aliaj asocioj pri transporto estis denove elvokita, ni jam kunlaboras kun UMEA (Universala Medicina Esperanto Asocio). La kutima ekskurso, pro manko da brazila fervojo, ne okazis. La prezidanto de UMEA proponis viziton de malsanulejo marde la 6-an de aŭgusto.

**Postkongreso**

Ĝi okazis en Manaus, Iguacu kaj... Rio. Tiufoje la grupo konsistis el 43 homoj el 17 landoj. Post la alveno en Manaus, ni enŝipiĝis sur la Nigra Rivero por atingi nian gastejon meze de la praarbaro. Tie ni vizitis la indiĝenojn kaj konatiĝis kun aligatoroj, piranaoj, simioj, tukanoj... Ni ricevis diplomon atestantan, ke ni bone sukcesis nian tritagan ĉeeston en Amazonio. Poste ni flugis al Iguacu, la famaj Akvo-faloj. Mirinda kaj neforgesebla spektaklo atendis nin ĉu en Argentino, ĉu en Brazilo. Finfine ni revenis en Rio, kie ni denove vizitis la Suker-Panon kaj la Korkovadon ( faman Kristo-statuon).

Sylviane Lafargue

# Aŭtuna IFEF-estrarkunveno en Ĉeĥa Respubliko

Kiel kutime, la IFEF-estraro kunvenas en printempa kaj aŭtuna renkontoj. Ĉijare, aŭtuna kunveno okazis en Ĉeĥa Respubliko sub la grava impulso de doktorino Anna Abelovska, prezidanto de la Landa Asocio de FISAIC, kaj la mensa kaj materiala subtenoj de la ĝenerala fervoja direktoro en Prago inĝ Molina.



*De maldekstre : Anna Abelovska, Jindřich Tomíšek kaj Romano Bolognesi dum ĉeĥa nacia kongreso.*

Krom la plenumado de oficialaj kaj administraj aferoj, tiuj kunvenoj ebligas valorigi la aktivecon de la naciaj landaj asocioj. Pro tio, la IFEF-estraro en Ĉeska Trebova ĉeestis la nacian kongreson de Ĉeĥa Fervojista Sekcio, kies prezidanto estas nia ĉefkomitatano Jindřich Tomíšek.

En agrabla etoso, tiu oficiala renkonto permesis al la partoprenantoj informiĝi pri la evoluo de la nacia fervoja esperanto-movado sed ankaŭ ĝui kelkajn interesajn lokojn. Tiel ni vizitis :

- la urbon de Ĉeska -Trebova sub la gvidado de s-roj Láni kaj inĝ Polak,
- la esperantan deponejon kun la spertaj indikoj de ĝia direktoro s-ro Jiří Pištora,
- la etŝpuran turisman fervojan linion en Mladějov na Moravě.

Poste, ĉiuj kuniĝis en la kafejo "Esperanto" en Ĉeska-Trebova, kie donacita trinkaĵo regalis nin.

En apartaj akceptoj, la IFEF-estraro kunvenis :

- en Prago, kun la ĝenerala direktoro de la fervojo inĝ Zelenka (samtempe FISAIC reprezentanto por ČD).
- en Pardubice, kun la regiona fervoja direktoro Inĝ Grebík,
- en Hradec Králové, kun la direktoro de la firmao Starmon, kies kunposedanto estas inĝ Ladislav Kovář, sekretario por fake aplikaj aferoj,
- en Ĉeska-Trebova kun la urbestro.

En ĉiu renkonto d-ro Romano Bolognesi kaptis la okazon por sciigi la valoron de Esperanto kaj la agadojn de nia fervojista movado. Respondante al nia prezidanto, la regiona direktoro inĝ Grebík diris : *"Mi konscias, ke la angla lingvo multe disvolviĝas sed mi certas, ke Esperanto havas estontecon : tiu lingvo, kiu permesas komuniki sen aparato, sen tradukanto sed kun amikeco."*



*De maldekstre : D-ro Romano Bolognesi, fervoja direktoro Inĝ Grebik, Inĝ Ladislav Kovář kaj muzeo-direktoro Jiří Pištora,*

***LA IFEF-ESTRARO MULTE DANKAS LA ĈEĤAJN ORGANIZANTOJN, SEN KIUJ IFEF NE POVIS LARĜSKALE ROLI.***

Jean Ripoche

## PROTOKOLO DE LA PLENKUNSIDO
## en la 54-a IFEF - kongreso en Plovdiv(BG) 04.06.2002

**Mallongigoj:**

Pr = prezidanto, VP = vicprezidanto, Sk = sekretario, Ks = kasisto,
Rd = redaktoro, e-o = estraro, Ĉk = ĉefkomitatano, IF = Internacia Fervojisto,
FK = Faka Komisiono, TS = Terminara Sekcio, FAS = Fake Aplika Sekcio,
k-o = komitato, k-ano = komitatano, kk-ano = kromkomitatano, k-go = kolego,
l.a. = landa(j) asocio(j). (Landkodoj duliteraj, laŭ normo IS03166).

### 1. Malfermo, konstato, mandatoj

La Pr Bolognesi salutas kaj bonvenigas la partoprenantojn.
Ĉeestas estraranoj: Pr Romano Bolognesi (IT) Vp István Gulyás (HU)
Sk Marica Brletić (HR) ) Rd Jean Ripoche (FR)
La Sk laŭstatute alvokas la rajtigitojn kaj listkalkulas la ĉeestantojn.

La Pr alvokas la rajtigitojn kaj kun la protokolanto listkalkulas la ĉeestantojn :

| Lando | Kodo | Komitatano | |
|---|---|---|---|
| Aŭstrio | AT | Martin | STUPPNIG |
| Belgio | BE | Clara | BRACKE |
| Bulgario | BG | Lazar | KARAKAŠEV |
| Ĉeĥio | CZ | Jindřich | TOMÍŠEK |
| Danio | DK | Jan | NIEMANN |
| Francio | FR | Denise<br>Sylviane | HAPPY-FOSSO<br>LAFARGUE |
| Germanio | DE | Joachim<br>Rolf | GIESSNER<br>TERJUNG |
| Hispanio | ES | Johano Crut | MIRAS |
| Hungario | HU | Josef | CZIBOLY |
| Italio | IT | Gaetano | GUBBIOLI |
| Jugoslavio | YU | Gvozden | SREDIĆ |
| Kroatio | HR | Zlatko | HINŠT |
| Norvegio | NO | Rolf | BERG |
| Rumanio | RO | Rodica | TODOR |
| Slovakio | SK | Magdalena | FEIFIČOVA |

Ĉeestas 17 voĉdonrajtaj k-anoj.

**2. Ricevitaj telegramoj, leteroj**

La Sk legas bondezirojn kaj salutleterojn de Hm Wim van Leeuwen (NL), Jànos Patay (HU), Li Sen (CN), Ernst Glättli (CH), la UEA prezidanto Renato Corsetti (IT) kaj transdonas la salutojn de italaj kolegoj Serio Boschin kaj Vito Tomillo.

S-ro Maglov (BG) legas la salutleteron de Germana E-Asocio, s-ro Vladimir Želev (BG) salutas nome da la Internacia Ligo de Blindaj Esperantistoj (LIBE) kaj s-ino Stojanova salutas nome de E-Societo D-ro Zamenhof el urbo Razgrad (BG).

**3. Honorigo al la mortintoj**

La Sk legas la nomojn de niaj mortintoj pri kiuj oni eksciis de la 53-a IFK - Tábor 2001 al la 54-a IFK-Plovdiv 2002. Oni honorigas ilin per unuminuta silenta starigado, ke ili ripozu pace :

| **Lando** | **Antaŭnomo** | **Familianomo** | **Naskiĝdato** | **Mortdato** | **Aĝo** | **Menciindajo** |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio | Ottilie | BÜRGER | | 10/11/2001 | 92 | |
| | Helene | ZANKO | | 18/12/2001 | 79 | |
| Ĉeĥio | Ladislav | FIALA | 27/12/1922 | 25/11/2001 | 79 | Longjara fervora aganto en l.a. de IFEF kaj Ŝakligo |
| | Marie | VOLESKÁ | 01/09/1937 | 14/12/2001 | 64 | Longjara membro |
| | Josef | VÍTOVEC | 11/05/1924 | 2001 | 77 | |
| Danio | Asta | KLAUSEN | | | | |
| | Ejlif | ANDERSEN | 26/01/1915 | 07/03/2002 | 87 | |
| Germanio | Astrid | BOHUSCHKE | | 17/12/2001 | 57 | |
| | Leonard | EBEL | | | | |
| | Hans | DAHMEN | | | | |
| | Brigitte | FITTER | | | | |
| | Wilhelm | SCHÄFER | | | | |
| Francio | Geneviève | BOUKO-LEVY | 1933 | 02/10/2001 | 68 | |
| | Jean | VIDAMENT | 05/04/1932 | 10/02/2002 | 70 | |

**4. Estraraj raportoj**

4. 1. Sekretario (IF 2002.3 paĝoj 37/38)
Unuanime aprobita

4.2. Redaktoro (IF 2002.2 paĝo 18)
Unuanime aprobita

4.3. Kasisto (IF 2002.2 paĝo 23) La Pr klarigas la ciferojn.
Aprobita per 15 voĉoj kaj 2 sindetenoj.

**5. Protokolo Tábor (CZ)**

(IF 2002. 1 paĝoj 4-8) Unuanime aprobita

**6. Raporto de la ĉefkomitatano**

La ĉk Jindřich Tomíšek raportas. La Cirkulero kaj Demandilo estis dissenditaj al ĉiuj l.a. kaj krome, al kontaktuloj en landoj, kie nuntempe ne funkcias l.a. (Nederlando, Estonio, Pollando). La speciala ĉijara demando estis trovi la kandidaton por la posteno de la IFEF kasisto. Finfine, venis la kongrespropono de la Franca Fervojista E-Asocio. Alia nova demando rilatas al pli precize formulitaj datoj de sekvontaj landaj jarkunvenoj, por ke la Vp povu fari la kalendaron. Alvenis jarraportoj el 19 l.a.

La ĉk partoprenis multajn eksterlandajn E-renkontiĝon kaj kompilis la liston de fakdelegitoj ĉe UEA pri fervojo, strebante tiamaniere disvastigi kaj evoluigi la Federacion.

La raporto estas unuanime aprobita.

**7. Kongrespropono(j)**

Diskuto pri kialoj por aparta elektado nur por la posteno de la Ks. La Pr klarigas la aferon. S-ro Niemann proponas ankaŭ elekti revizorojn el Francio.

Balotas 16 voĉdonrajtaj k-anoj.

Ks Laurent Vignaud (FR) akceptita, unu nevalida.

La revizoroj - Denise Happi-Fosso
- Sylviane Lafargue
- Jeannine-Daguin

kaj vicrevizoro Georges Meilhac, ĉiuj el Francio, estas akceptitaj.

**8. Raportoj de la Faka Komisiono (FK)**

8. 1. Gvidanto

S-ro Niemann instigas ĉestantojn veni al Terminologia Seminario de la Faka Komisiono de IFEF, kiu okazos en Dobřichovice (CZ), 6-8.11.2002 antaŭ la AEST Konferenco (Aplikoj de Esperanto en Scienco kaj Tekniko).

8.2. Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)

Laŭ la raporto de s-ro Kovàr (legas s-ro Tomíšek), la jubilea 10-a numero de Fervojfaka Kajero estas en preparo. S-ro Kovàr esprimas specialan dankon al s-ro Olsen pro lia partopreno en preparado. En la Kajero aperos artikoloj de s-roj:J. Werner (CZ), J. Tomíšek (CZ), H. Olsen (DK), J. Marek (CZ), H. Sonntag (AT) kaj L. Sekereš (YU).

La Sekretario de FAS plendas pro malĝustatempaj anoncoj de prelegontoj por la faka programo dum la 54-a IFK en Plovdiv kaj instigas la aŭtorojn, por ke ili sendu ĝustatempe almenaŭ resumon de siaj kontribuajoj por la venonta IFK, cele al esti publikigitaj en kongreslibro.

Raporto unuanime aprobita.

8.3. Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)

D-ro Hoffmann raportas, ke TS daŭrigas sian laboron akorde kun la koncernaj taskoj en UIC. La taskoj kaj rezultoj, demandoj kaj respondoj estas priskribitaj en 3 numeroj de Terminara Kuriero.

En la profunda korespondado partoprenis nur kelkaj sekcianoj. La demandilon pri preteco daŭrigi kunlaboron, respondis nur 9 kolegoj.

Necesas varbi novajn kunlaborantojn kaj substreki, ke temas pri laboro ne nur por specialistoj.

La Sekretario de la sekcio partoprenis la 3-an kunsidon de laborkolektivo MT40 en la pasinta oktobro en Parizo. Por trakti precipajn problemojn de terminologio en trafikaj aferoj, la TS kunlabore aranĝas specialan seminarion 6-8. 11. 2002 en Dobřichovice (CZ), nepre antaŭ Konferenco AEST.

Raporto unuanime aprobita.

**9. Raportoj de la komisiitoj**

9. 1. Skisemajno, (IFES) 2002

S-no, Happi-Fosso (FR) raportas, anstataŭ neĉeestanta gvidanto s-ro Peyrouty.

La 43-a IFES okazis 17-23.02-2002 en Predeal (RO) kun partoprenantoj el 5 landoj.

Raporto unuanime aprobita.

9.2. Fervoja Koresponda Servo (FKS)

S-ro Porupca (RO) informas pri 32 leteroj, poŝtkartoj, faksoj aŭ retmesaĝoj, kiujn li interŝanĝis kun geesperantistoj el 15 landoj.

Raporto unuanime aprobita.

9.3. Komitatano "A" por IFEF ĉe UEA

La Vp István Gulyás raportas pri la 86-a UK okazinta en Zagrebo (HR) 21-28.07.2001. La kongresa temo estis "Kulturo de dialogo - dialogo inter kulturoj" kaj partoprenis 1691 ĉeestantoj el 57 landoj. La fervojistan kontaktkunvenon partoprenis 50 gekongresanoj el 14 landoj.

S-ro Gulyás gvidis la kunvenon, kaj raportis pri la 53-a IFK.

S-ro Zlatko Hinšt (HR) okazigis la prelegon «Per trajno tra Kroatio». Post la kunveno, la ĉeestantoj vizitis la lokan vagonriparejon «Gredelj».

Unuanime aprobita.

**10. Resumo de la jarraportoj 2001 el la landaj asocioj**

La Vp resumas la raportojn. La teksto aperos en IF. Unuanime aprobita.

**11. Analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj**

La Vp informas ke l.a. en Pollando ne plu funkcias kaj ke hispana l.a. denove ekfunkcias.

**12. Buĝeto 2003 kaj kotizkonfirmo**

La Pr klarigas la buĝeton 2003 (kiun preparis s-ro Hauge) kaj proponas ke la kotizo restu la sama

kiel en la jaro 2002.
Unuanime aprobita.

**13. Rilatoj kun aliaj organizoj**

13. 1. UEA

La Vp preparis kaj prezentas novan Laborplanon de IFEF 2002-2010 farita laŭ la laborplano, de UEA. Ĝi estas disdonita al ĉiuj k-anoj kaj al la e-o. Ĉiuj rajtas, sendi rimarkojn al la Vp ĝis la aŭtuna estrarkunsido. Se ne venos korektoj la Laborplano validas ekde la komenco de la jaro 2002.

13.2. FISAIC

La Pr informas pri la 50-a fondiĝdatreveno de FISAIC, kiu okazos 26-30.09.2002 en Obernai. Same, la Pr substrekas la demandon, kiel longe FISAIC povos rezisti enkondukon de angla lingvo kiel ofica lingvo.

AT (informas s-ro Stuppnig) kaj CZ (informas s-ro Tomíšek) havas bonajn rilatojn kun landaj FISAIC organizoj.

**14. Venontaj kongresoj**

14. 1. Konfirmo de invito al la 55-a IFK (DE) 2003

La urbo Dresdeno (DE) estas unuanime aprobita kiel kongresurbo de la 55-a IFEF kongreso kiu okazos 10-16.05.2003

14.2. Elekto de lando por 2004, la 56-a IFK

Hungario kaj Aŭstrio kandidatiĝas por komune aranĝi 56-an IFEF kongreson en la jaro 2004, verŝajne en urbo Sopron (HU).

Unuanime aprobita.

14.3. Diskuto pri pluaj eblecoj

Rumanio anoncas sin por la jaro 2005.
Ĉinio anoncas sin por la jaro 2006.
Gekongresanoi aplaŭde salutas invitojn.

**15. Venontaj IFES 2003 kaj 2004**

S-ro Lani (CZ) invitas al la 44-a IFES okazonta en Kunčice pod Ondřejnikem en la montaro Beskydy (CZ) 04-11.01.2003. Ĝin aranĝos Ĉeĥa E-sekcio.
Por 2004 sin anoncas ES.

**16. Eventualaĵoj**

Nenio nova.

**17. Libera diskutado**

S-ro Enju Enev (BG) proponas (al la landoj kie la membronombro draste malkreskas) organizi E-klubojn.

Zagrebo, la 20-an de julio 2002

*Protokolis la Sk Marica BRLETIĆ*

**************************************

## *Okazis grava naskiĝtago en GEFA.*

Margret kaj Willi Brandenburg aĝas kune 150 jarojn : Margret je la 6-a de aŭgusto 2002 atingis 70 jarojn kaj Willi je la 29-a de marto 2002 80 jarojn.

La tri infanoj de ili estas Esperantistoj ekde naskiĝo. Willi kaj Margret havas kontaktojn en la tuta mondo kaj vizitis multajn kongresojn. Margret gvidis UEA-infankongreson 1958 en Mainz. Willi estras Fervojistan Esperanto-Grupon en Münster. Li organizis 1962 kaj 1992 GEFA-jarkunvenojn en Münster, kaj en 1982 la GEA-kongreson ankaŭ en Münster. Plie, li laboris en la "Ekzamena Komisiono"

Ili enamiĝis kaj poste geedziĝis, kiam Willi instruis ŝin en Esperanto-kurso.

*Raportis Rolf Terjung*

# Pli da ĝuo dank'al ESPERANTO

Resuma raporto pri vojaĝo al la
LANDO DE LA LEVIĜANTA SUNO

Estis en printempo 2001, kiam mia frato Werner demandis min, ĉu mi pretus akompani lin al Japanio ? Klaran planon li jam havis, nome viziti geamikojn en CHIBA, KANAZAWA kaj OSAKA. Mi bezonis tempon por pripensi, ĉar mi volis unue esplori, ĉu renkontiĝoj kun miaj Esperanto-geamikoj en OKAYAMA kaj OSAKA lasos sin kombini. Kaj vizito de la urbo NAGASAKI estus deziro de mi, se mi jam troviĝus en Japanio. Unue mi priparolis la aferon kun mia edzino Ruth, kiu tuj aprobis la ideon, ĉar ŝi sciis, ke Werner povas japane interkompreniĝi. Tamen, mia frato kaj mi ne volis lasi la sukceson de nia projekto al la hazardo. Pro tio ĉiu el ni kontaktis siajn gekonatulojn en Japanio. Estas vere, ke trovi vizito-datojn, kiuj konvenis al ĉiuj niaj geamikoj estis la plej temporaba tasko. Multaj leteroj kaj e-mail-oj estis senditaj tien kaj reen. El tio rezultis fine la realigo de nia plano inter la 13-a de majo kaj la 4-a de junio 2002.

Per MD 11-aviadilo de la flugkompanio Japan-Air-Lines (JAL) ni ekflugis de Zürich-Kloten la 13-an de majo je la horo 17.50 kaj mole surteriĝis post 12-hora, senstopa flugo la venontan tagon en Tokyo-Narita je la horo 12.30 laŭ japana tempo. Du konatulinoj de mia frato akceptis nin kaj veturigis nin al nia restejo en CHIBA, de kie ni startis ĉiujn niajn planitajn ekskursojn. Nia ĉarma gastigantino kun la voknomo Nobuko disponigis al ni belan, dulitan ĉambron. Pro protekto de personaj datoj mi mencios ankaŭ ĉiujn aliajn geamikojn nur per la antaŭnomo. Mi petas pri kompreno.

Post du tagoj de akomodo ni startis la 16-an de majo nian unuan veturadon per grandrapida trajno SHINKANSEN, kiu atingas maksimuman rapidecon de 300 km/h. Prezfavoran vojaĝdokumenton (Japan-Rail-Pass) ni akiris jam en Svislando. Ĝi rajtigis nin uzi ĉiujn trajnojn de "Japan-Rail-Group" (JR).

Nia unua vojaĝcelo estis la urbo OKAYAMA (733 km-ojn sude de Tokyo), kie akceptis nin sur la alvenkajo mia ŝatata Esperanto-amiko Naosuke, kiun mi konas de post 1987, kaj kiu estis por mi granda helpo por starigi nian vojaĝplanon. Letere mi petis mian amikon rezervigi por mia frato kaj mi dulitan ĉambron en hotelo ne tro for de la stacidomo. Rapide venis jena respondo: "Mi priparolis vian tranoktadon kun la prezidanto de la Okayama Esperanto-Societo, s-ano Hideki, kiu profesie estas kuracisto". Jen lia reago: "La du fratoj estas invititaj esti la gastoj de mia edzino Husako kaj de mi en nia domo!". Werner kaj mi danke akceptis la inviton. Mi ankaŭ eksciis, pri ampleksa programo, kiun Husako, Hideki kaj Naosuke jam preparis por ni. Estu nur menciitaj kombinita veturado per trajno kaj pramŝipo, uzante dum la irvojaĝo al la urbo TAKAMATSU, 13 km-ojn longa, duetaga ponto trans la markolo SETO-OHASI (supre la aŭtoŝoseo, sube la duŝpura fervojlinio). La reveturo okazis pere de unu hora ŝipveturado. Vizito de la fama parko KORAKUEN, festa vespermanĝo en la hejmo de Husako kaj Hideki, bankedo en bela restoracio honore al ni du fratoj, ofertita de la Okayama Esperanto-Societo, estis pliaj kulminoj de la menciita programo. Antaŭsciante tion, mi volis ankaŭ ion kontribui, kaj mi deklaris min preta fari diapozitivan prelegon pri la konstruo kaj la ekspluatado de la Jungfrau Fervojo en Svislando kun ĝia plej alte situanta stacio Jungfraujoch (3454 m).

Kun plezuro niaj geamikoj akceptis mian proponon, kaj mi povis prezenti miajn bildojn dufoje, nome en Sanyo Knabina Altlernejo, kie Husako instruas Esperanton kaj dum la bankeda vespero. Mia frato, kiu subtenas Esperanton, sed mem ne parolas ĝin, ĝuis la aranĝon en Okayama kaj laŭdis la agrablan atmosferon, kiu regis inter la esperantistoj.

La 18-an de majo ni veturis per SHINKANSEN 506 km-ojn pli suden al la urbo NAGASAKI. Ankaŭ tie Werner kaj mi ĝuis la restadon inter esperantistoj. Ne havinte kontakton kun ge-samideanoj, mi demandis mian amikon Naosuke, ĉu li povus rezervigi por ni dulitan ĉambron en hotelo proksime de la stacio Nagasaki ? Rapide venis letero, kiu konfirmis al mi la rezervigon en hotelo NYSHIKYUS-


Fama florparko Korakuen
en Okayama

HU DAI ICHI. Kaj Naosuke daŭrigis per jena ĝojiga informo : "La prezidanto de la Esperanto-Societo Nagasaki akceptos vin je via alveno en la stacidomo ĉe la bariero al la kajo. Ĉu tio ne estis vere amika gesto, kiu meritas laŭdon ? Je nia alveno eĉ du esperantistoj atendis kaj gvidis nin al la hotelo, kie ili ofertis al ni lunĉon. Poste, la samideanoj Yoshifumi kaj Yosifumi montris al ni la impresplenan monumenton, kiu rememorigas al lla homojn la teruran okazaĵon dum la Dua Mondmilito, kiam estis ĵetita sur la urbon unu el la pereigaj atombomboj. Ankaŭ dimanĉon la 19-an de majo ni travivis surprizojn, unu post la alia. La jam menciitaj samideanoj invitis nin al vizito de belvidejo, kiu ebligis al ni rondrigardon sur la urbon. La preĝejo, kiu mirakle survivis la atombombadon kaj belegaj temploj estis celoj de rondveturado per rezervita taksio. Sed la kulmino estis sendube aperitivo kaj bongusta tagmanĝo ofertita je nia honoro de la Esperanto-Societo Nagasaki. Venis pliaj esperantistoj, tiel ke ni havis agrablan babiladon. Kia ĝojo por mi ! Ankaŭ mia frato evidente ĝuis la etoson, kaj li spertis, ke la internacia lingvo ESPERANTO ne nur faciligas la interkomprenigon inter homoj kun malsamaj gepatraj lingvoj, sed ĝi ankaŭ stimulas la amikecon inter anoj de diversaj kulturoj.

Trorapide proksimiĝis nia ekveturo, kaj ĉiuj geamikoj, kiuj ĉeestis la tagmanĝon, akompanis nin al la stacidomo por adiaŭi nin. Al ni nur restis esprimi nian plej koran dankon pro ĉio, kion ili aranĝis por ni. Je la horo 13.30 la grandrapida trajno "KAMOME" forkondukis nin el la plej suda regiono de Japanio al nia venonta celo OSAKA, situanta 766 kilometrojn pli norde.

Alveninte tien je la horo 19.14, kvar geamikoj akceptis nin sur la kajo. Por mia frato la vojaĝplano antaŭvidis alian tranoktejon ol por mi, kaj niaj eksursoprogramoj antaŭe ne estis konigitaj al ni. Sed dank' al Mieko, mia Esperanto korespondamikino, kun kiu mi interŝanĝas leterojn de post 1987, Werner kaj mi povis plene ĝui nian restadon en OSAKA. Mieko eĉ suverene solvis altrudiĝantan ŝanĝon koncerne la tranoktadon de Werner. Per aliaj vortoj, mia frato havis ankaŭ en Osaka pli da ĝuo dank' al Esperanto. Kaj la ekskursprogramo estis tiel ampleksa, ke ne eblas priskribi ĝin kadre de mia resuma raporto.

La 22-an de majo ni devis forlasi niajn geamikojn, dankante ilin pro la afabla gastigado. Per SHINKANSEN ni reveturis al Tokyo kaj bezonis por la distanco de 553 kilometeroj nur 3 horojn.

Mencion meritas ankaŭ la ekskurso al KANAZAWA, 461 km-ojn sud-okcidente de Tokyo, kiu estis granda deziro de mia frato. Tie Werner volis ankoraŭfoje viziti la lingvo-instituton EURO-CENTRE" kaj renkontiĝi kun la lerneja estrino Yasuko kaj la ĉef-instruistino Noriko, ĉar ĉe ili li frekventis antaŭ jaroj intensivan kurson pri la japana lingvo. Ne nur mia frato ĝuis la sukcesintan viziton, ankaŭ mi ĝojis pri ŝajna bagatelo, ĉar post la renkontiĝo kun la ĉef-instruistino, nia ĉarma akompanantino Nobuko kaj mi estis invititaj al kafumado en la instruista ĉambro, kie Werner atendis. Je mia granda surprizo Codera bonvenigis min per la Esperanto-vortoj: "Bonan tagon sinjoro Glättli !"

Verŝajne mi rigardis ŝin iomete perplekse, tiel ke ŝi tuj klarigis al mi, ke ŝi aŭdis antaŭ jaroj pri Esperanto kaj ŝi volis ekscii, kio estas tio. Tial ŝi aŭtodidakte komencis studi ĉi-rilatan libreton, sed pro aliaj engaĝiĝoj ŝi poste flankenmetis ĝin. Por mi estis vera ĝuo renkontiĝi kun persono, kiu almenaŭ scias, kio estas Esperanto.

Trorapide ankaŭ tiuj du tagoj pasis, kaj per tio la de ni organizitaj vizitoj finiĝis. Pro tio nia vojaĝprogramo nur ankoraŭ antaŭvidis la reveturon al Chiba, la 25-an de majo. (Kanazawa ekveturo 13.23 h, Chiba/Tsudanuma alveno 18.15 h, distanco de 487 kilometroj).

Sed ni efektive faris "la kalkulon sen la mastro". La geamikoj de mia frato, kiuj posedis nian vojaĝplanon, zorgis dum la lastaj 9 tagoj de nia restado en Japanio pri aro da surprizoj por ni. La plej gravajn eventojn, cetere nur ĝojigajn, mi listigos telegramstile: Dutaga restado ĉe geamikoj en YOKOHAMA -rendevuo kun geamikoj en GRANDHOTEL INTERKONTINENTAL proksime de la golfo de Yokohama - festaj vespermanĝoj, el kiuj unu estis ofertita en la 50-a etaĝo de la HOTELO PRINCE ĉe la marbordo en Chiba-veturado per MONORAIL - Fervojo en la urbo Chiba - Ekskurso al SENDAI, 352 kilometrojn norde de Tokyo.

Mian resumon mi ŝatas fini per mencio de vizito ĉe JAPANA-ESPERANTO- INSTITUTO en TOKYO. Mia frato, kiu akompanis min, spertis la amikan akcepton tie, vidis unuafoje sennombrajn ESPERANTO-publikaĵojn ekspoziciitajn sur granda librobretaro kaj ricevis tiel efikan impreson pri la ESPERATO-movado, ke li konfesis al mi, ke dank' al miaj rilatoj kun esperantistoj, li travivis nian komunan vojaĝon al Japanio kun duobla ĝuo. Do, miaj titol-vortoj praviĝis.

Mardon, la 4-an de junio ni devis definitive adiaŭi al niaj amindaj kaj ĉiam helpopretaj gastigantinoj, refoje dankante ilin el plena koro. Je la horo 10.30 laŭ japana tempo ni ekflugis reen per JAL-MD 11, kiu majstris la distancon de pli ol 10 000 km-oj per 12-hora, senstopa flugo kaj surteriĝis en Zürich la saman tagon je la horo 15.43 laŭ svisa tempo.

Brugg, la 31-an de julio 2002

*La raportinto: Ernst Glättli*

## *La bela stacidomo*

Veturante el Roubaix al Lille, per la 2-a linio de la aŭtomata metroo "VAL", ni rapide malkovris serion da stacioj, pli/malpli plaĉaj. Ĉiujn el ili aparte konceptis arkitektoj, kunlabore kun regionaj artistoj.

La rezulto vekas laŭdojn kaj kritikojn, laŭ la opinioj de ĉiutagaj aŭ laŭokazaj vojaĝantoj. Scivoleme, alvenante ĉe la nordfranca metropola centro, nia nederlanda gastino kaj ni decidis forlasi la vagonon por atente rigardi ĉiujn angulojn de la plurnivela metroo-stacio Lille-Europe".

Tuj okulfrapas nin trimura grandega fresko de Jean PATTOU "Piranese 2000", laŭ la nomo de desegnisto, gravuristo kaj arkitekto de la 18-a jarcento. Dank'al rul-ŝtuparoj, estas facile admiri la imponan verkaĵon, kie taglumo kaj akvobasenoj ludas gravan rolon.

***Kio estas "Piranese 2000" ?***

Temas pri 36-grandaj pentraĵoj sur ŝirmtolaĵoj. Ĉiu el la tri paneloj mezuras 50 x 18 m-ojn kaj bone kovras/kaŝas la grizajn murojn. La tuto disvolviĝas kiel originala kaj surpriza kalejdoskopo de grand-urbaj monumentoj, bone aŭ malbone konataj . Lille kaj aliaj urboj elmontras siajn vidind aĵojn, meze de homplenaj placoj kaj stratoj. Tiel ni povas spekti vidaĵojn pri Londono, Bruselo, Berlino, Parizo, Romo, Ateno, Tuluzo, Barcelono, NovJorko. La grandega kunmetaĵo (Puzlo iusence) donas impreson de kontinueco kaj harmonio.

Se vi devas aŭ ŝatas veturi per metroo, haltu ĉe la plej interesaj lokoj, i.a."subtera metroostacio Lille-Europe".

La granda fervoja parto (rapid-trajnoj TGV) eble kongruas kun teknikaj necesoj, sed, laŭ nia opinio, ĝi ne estas ĉefverko, tute ne !

*Lucien Giloteaux*

---

## Pri la 44-a Internacia Fervojista Esperanto-skisemajno

En paĝo 62 en IF-2002.4, erare la numero de la poŝtelefono de **inĝ Jiri Vencl** estas skribita tiel : + 420 776 792 918

**Bonvolu legi : + 420 723 176 918**

## *Jen, novaĵo el Korea duoninsulo*

Registaroj de la Sudo kaj la Nordo de Korea duoninsulo konsentis ĝis la fino de 2002 religi fervojon Kyong-ui son rompitan ĉe la linio de 38 gradoj de la norda latitudo pro Korea milito (1950-1953). Per la fervojo oni povos vojaĝi el kontinento, tra la duoninsulo ĝis haveno Busano, Koreio, kaj al Japanio.

Ek de oktobro 2002 havenojn Busano kaj Hirosima, Japanio, ir-revenos pramŝipo tri fojojn semajne. En urboj Busano kaj Hirosima aktivas esp-istoj, kaj gastojn el aliaj landoj bonvenigas. Per la fervojo Kyong-wi son, ofta pramŝipo kaj Interneto ni povos pli facile kontakti, interŝangxi, se ni volus.

*Osioka Moritaka, JELF*

---

## *Venonta nacia kongreso en Francio*

De la 14-a ĝis la 21-a de marto 2003, vi havas eblecon trapasi agrablan semajnon partoprenante la nacian kongreson de FFEA en ĉarma mezepoka urbo ***Collonges la Rouge*** situanta 20 km-ojn sude de la urbo *Brive La Gaillarde* en la centro de Francio.

Pluraj aŭtobus-ekskursoj gvidos la kongresanojn tra la plej belaj vilaĝoj de nia lando.

Pliaj informoj kaj aliĝiloj haveblas ĉe :
S-ino Sylviane Lafargue
8 bis Av Anatole France
FR-94600 CHOISY-LE-ROI

---

## *Rilate la lastan IFK en Plovdiv*

En la bulgara faka fervojista revuo (n° 25) aperis tuta paĝo pri nia internacia kongreso en Plovdiv.

*Raportis Lazar Karakaŝev*

---

## *Pri sendado de poŝtkartoj*

La Verda Stelo-Esperanto 94 dankas ĉiujn skribintojn. Ni ekspoziciis la 120 poŝtkartojn el 24 landoj, ili estis simpatiaj mesaĝoj de sukceso por nia festo : "Choisy-le-Roi en la mondo". Pluraj esperantistoj vizitis nin eĉ Bulgaro, la urbestro akceptis lin persone. Estis mallonga prezentado (nur meztagon), sed pluraj homoj malkovris esperanton.

*Sylviane Lafargue*

# En stacidoma atendejo

La pordo malfermiĝis impete, kaj en fumkoloran stacidoman atendejon eniris juna viro. Li donis odoron de humido kaj freŝeco, ĉar ekstere pluvis : nebula vetero. La juna homo okulesploris neokupitajn benkojn, viŝis la kapon per naztuko kaj tiam apenaŭ eksentis, ke en la atendejo troviĝas lada hejtilo, ĉe kiu dormetas oldulo.

Li sidiĝis, sed ŝajne sentis sin enua, eltiris el poŝo botelon - sukcenkoloran likvaĵon, lerte malŝraŭbis la ŝtopilon kaj tuŝigis la lipojn al la botelo, kuntiris okulojn de plezuro, trinkis kelkajn glutojn. Kiam li malfermis la okulojn, li vidis ke la oldulo ne plu dormetas, sed gvatas lin serĉeme, atente.

"Ho - mi pensis ke vi dormas! Do - ekregali, ĉu ne?" La oldulo senvorte prenis la proponitan botelon. Sulkigita, osteca kolo ritme nombris soifajn glutegojn. Poste, li silente redonis la botelon al ĝia posedanto, viŝis per frotŝirita maniko sian buŝon.

La junulo ekrigardis la botelon kaj ridetis : "Vi plaĉas al mi ! Vi taŭgas !" La oldulo surde flustris : "Taŭgis mi jam !" Poste li aldonis : "Taŭgis mi sendube, sed en pasinteco !"

La brando jam fluis en lia sango, ekvigligis lin, kaj li subite ekparolis : "Demandu pri mi, mi Majstro Neno ! Konstruisto mi estis. Kiom da stabilaj domoj mi konstruis ! Mi bone perlaboris, sed ĉion malŝparis, mi ruiniĝis."

"Vi, kiom ? Ĉiuj maljuniĝas, ne nur vi !"

"Maljuniĝas jes, sed ne jaroj min pereigis !"

"Sed kio ?"

La oldulo kuntiris la brovojn : "La glaso ! Plej frue, kun unu glaseto mi komencis, eksentis fortojn ! Do nu - pensis mi - tiamaniere fariĝas viro - per du, per tri glasoj. Poste mia tuta vivo falegis. Mi ne estis malsaĝulo, sed min fiaskigis tiu malbenita drinkado, malgraŭ ke ĝi per unu glaseto komenciĝis. Mi rigardas vin - rekte el botelo !"

"Ja, vi" - time vekiĝis la junulo - "sed mi tiel nur por animhumoro ; aliflanke ĉe mi ĉio estas ordigita : brigadestro, abundas mono. Ne demandu kien mi iras. Mi iras per trajno, revenos kun aŭto - propra aŭto. Ĉu tio ne meritas regalon ?"

Tuj poste li demandis: "Ĉu vi ne havas edzinon, gefilojn ?"

"Havis, sed la edzinon antaŭtempe mi entombigis pro mia drinkado. Mi havas filon. Se mi ne estus drinkulo, li iĝus inĝeniero. En urbo li posedas domon, nun li estas maŝinisto, veturigas vagonarojn. Miajn tutajn domon kaj havaĵojn mi fordrinkis. Mi hontas, mi kaŝas min de la filo, de homoj, sed de mi mem mi ne povas kaŝiĝi. Necesas al mi transpaŝi tri altaĵojn, por ke mi povu nur kaŝe rigardeti, vidi la filon."

Kupra sonorileto ektintis kelkfoje melodie, belsone. Kiam spireganta trajno aperis, la junulo sin jetis impete. Ĉe lokomotiva fenestro videblis granda, belstatura lokomotivestro, viŝanta siajn manojn. Liaj nigraj okuloj trarigardis la ĉielon, la nubojn.

Samtempe eklarmantaj patraj okuloj rigardis tra ŝvitanta vitro. Emanis doloro kaj senespero. La oldulo fiksokule spektis sian filon tiel longe, kiel la trajno videblis, poste prenis bastoneton por ekiri sian vojon, trans tri krutaĵojn al sia jam dezerta, kvazaŭ forlasita domo, kie lin atendis nek hejma varmeco nek ia vespermanĝo. La lacigita koro apenaŭ pulsis, sed pleniĝis per ĝojo, ke li vidis sian filon, kaŝita malantaŭ fumigita vitro de stacidoma atendejo.

*Ivan Trifonov Minĉev (Bulgario)*

## FORPASIS HONORA MEMBRO DE IFEF JAROMIR BABIĈKA (8.8.1908 - 25.3.2002)

Nia honora membro Jaromir Babiĉka estas certe konata de niaj membroj, kvankam por la plej junaj nur per la artikolo de IF. Ĉar laŭ nia opinio liaj meritoj kaj suferoj pro Esperanto estas tiom ampleksaj, ke ni decidis anstataŭ kutima mallonga nekrologo prezenti al vi lastan intervjuon kun li, kiun por Sennaciulo faris Petro kaj Stajno Chrdle en la jaro 1998 .

**********

KONVERSACIO KUN SINJORO BABIĈKA
PROPOLITIKA ARESTITO KAJ SENDITA EN LA KOMUNISMAN KONCENTREJON - PRO ESPERANTO

*Jaromir Babiĉka festis antaŭ nelonge sian naŭdekjariĝon - kiel aliel ol en la cirklo de esperantistaj - fervojistoj. Li restis fidela al la ideoj de Esperanto kaj al la fervojo dum la tuta vivo, kvankam ĝuste tiu fideleco al Esperanto kaj internaciismo faris el li «spiono», kaj li estis arestita kaj sendita por dudek jaroj en la plej teruraj kondiĉoj de komunisma koncentrejo, tiu de Jachymov. Dum nia lasta vizito ĉe li, ni petis lin pri intervjuo precipe por Sennaciulo. Jen ĝi.*

*Stanjo : Kiam kaj kiel vi esperantiĝis ?*
Babiĉka : Kiel vicestro de la fervoja stacio Podmokly (nuna Decin) iu Franco, serĉante iun Ĉeĥon, montris al mi lian leteron skribitan en nekonata lingvo. Tio okazis en 1945, post la milito. Mi miris, pri kiu lingvo temas: la francan mi lernis, sed ĝi ne estis - kaj tamen mi iom komprenis la enhavon. Post sciigo, ke temas pri la internacia lingvo Esperanto, mi rapide ellernis ĝin. Post unu jaro mi jam komencis ĝin instrui kaj fondis Esperanto-klubon de lokaj fervojistoj «Ĉiam antaŭen».

*Petro: Ni ĉiuj scias, ke vi estis akuzita pri agado kontraŭ socialisma reĝimo. Sed kiel efektive oni vortumis vian «kulpon» ? Kaj kiam kaj kiel oni sciigis tion al vi ?*
Babiĉka : La citado de koncerna paragrafo estis konciza : spionado por okcidento per



*Jaromir Babiĉka en konversacio kun nia honora prezidanto Per Engen, kies unua korespondanto en Esperantio kaj proksima amiko J.Babiĉka fariĝis jam antaŭ la akuzo pri spionado. Ilia amikeco daŭris ĝis fine.*
*Foto : J. Giessner*

koditaj vortoj en Esperanto-leteroj kaj patruj-perfido. Tio okazis en septembro 1953, dum mia kuracado en banloko Marianske Lazne. Post la reveno de promeno atendis min du civil-policanoj kaj sen klarigo forveturigis min en la malliberejon en Litomerice, kie mi estis esplordemandata ĉiutage dum kvar monatoj, tio ĝis la fino de la juĝdecido. Samtempe kun mi estis ankaŭ arestitaj kelkaj miaj Esperanto-lernantoj, kiuj «ricevis» iom malpli da jaroj.

*Stanjo: Kiel ofte vi povis havi kontaktojn kun viaj familianoj ? (Ĉu vi rajtis viziti hejmon aŭ almenaŭ ili viziti vin ?*
B.: Eliri por viziti familion estis neeble. La rajto akcepti viziton de unu familiano estis unufoje en du monatoj dum 10 minutoj tra fera kurterno, dum prizorgo de gardisto, kondiĉe ke dum tiuj du monatoj la konduto estis senriproĉa. Mi mem sukcesis ricevi tiun permeson dufoje dum la tuta restado tie.

*Stanjo : Kiamaniere vi sukcesis revoki la tribunalon kaj alivorte, kiom longe vi devis efektive suferi ?*
B.: Post la verdikto de la tribunalo konsilis al mi mia advokato ne apelacii, ĉar liaopinie

temus pri vana elspezo da mono kaj tempo. Li promesis revoki la kazon en la momento, se la politika premo iom mildiĝos. Kaj tion li efektive faris en la jaro 1956 post falo de Stalina personeca kulto. Do, en februaro 1957 mi estis liberigita kaj du monatojn pli poste, mi estis deklarita senkulpa dekomence.
Tamen nenian kompenson mi ricevis kaj ne povis trovi laboron. Sed tio jam estas alia historio.

*Petro: Mi scias, de la antaŭaj interparoloj kun vi, ke vi ne tro volonte rememoradas tiujn jarojn kaj mi bone komprenas kial. Tamen, ĉu vi povus priskribi al la legantoj tipan labortagon en la malliberejo ?*
B.: Ni laboregis en uranminejoj Jachymov 8 horojn tage, en tri laborperiodoj. De nia prizono ni estis gvidataj en fermita taĉmento en vicoj po 7 personoj, tiom dense, ke ne eblis fari paŝon aliel ol ĉiuj samtempe, ĉirkaŭigitaj per ŝlosita ĉeno, kiun devis ĉiuj flankmarŝantoj teni kaj ĉirkaŭ ni, iris gardistoj kun hundoj. Ni ja estis la plej danĝeraj krimuloj ! El la profundaj minejoj ni peze laboris en varmego. Post elminejiĝo ni devis longe atendi alvenon de gardistoj por esti eskortitaj reen al la arestejo, ofte eĉ horojn, precipe kiam frostis.

*Stanjo: Kaj ĉu vi ankoraŭ povas rememori kion vi kutime ricevadis por manĝi ?*
B.: Rilate manĝon la plej terura estis la esplordemanda tempo, kiam la manĝo estis preskaŭ nenia, kaj krome, apenaŭ mangebla. Dum la laboro en minejoj ni ricevadis jam iom pli. Krome, ni rajtis manĝi pli da pano, pro bona konduto eĉ aĉeti vaflojn. Estis klare, ke ni estis bezonataj fortaj. Ne ofte, tamen iam, ni ricevis eĉ viandon.

*Petro : Ĉu vi povas rememori unu eksterordinare malagrablan okazaĵon kaj almenaŭ unu bonan travivaĵon de la koncentrejo ?*
B.: Mia unua Kristnasko en Jachymov estis vere nekredebla. Irante al latrino mi pretervidis, pro falanta neĝo, gardiston kaj ne salutis lin. Sekvis puno : kvar tagoj en soleco. Mi estis ĵetita en ĉelon kun kradita fenestro sen vitraĵoj, do neĝis internen kaj frostis. Antaŭ eniri la ĉelon mi devis demeti ŝuojn, do resti nudpieda. Ene, estis kuŝbreto, tamen sen kovrilo. Por manĝi, mi ricevis unu peceton da pano por la tuta tago kun unu kruĉo da iom varma akvo. Du tagojn mi eltenis marŝi kaj moviĝi por ne mortfrosti, poste mi kuraĝis kriaĉi, ke mi volas iri al la kuracisto. La gardisto malkonsilis tion al mi asertante, ke sekvos eĉ pli teruraj kondiĉoj kaj nova puno. Tamen mi insistis kaj estis gvidata al la kuracisto, kiu permesis, ke mi ricevu unu kovrilon. Mi estis gvidata en la stokejon, kie mi vidis amasegon da kovriloj ĝis la plafono. Mi ekvidis, ke unu estas pli dika, do elektis ĝin, kio verŝajne savis mian vivon. Temis pri du kovriloj falditaj kiel unu, mi do kuraĝis eĉ dormi kaj ne mortfrostis.
Kaj la plej bona travivaĵo ? Kiam ni eksciis de novaj arestitoj, ke en Hungario komenciĝis kontraŭrevolucio kaj ke stalinistoj verŝajne estos forigitaj. Baldaŭ ni sentis pli homecan konduton, ĝis iu tago kiam mi estis vokita al la oficejo, kie oni anoncis al mi, ke mi estas libera kaj povas iri hejmen. Mi ne kredis, opiniante, ke temas denove pri iu kruela ŝerco fine de kiu ili verŝajne forpafos min kiel fuĝinton, sed la novaĵo fariĝis vero !

*Stanjo: Ĉu post tiom da suferoj, kiujn vi devis sperti pro Esperanto, vi bedaŭras, ke vi ellernis ĝin ?*
B.: Ne. Male, Esperanto portis al mi sencon de mia vivo. Per ĝi, mi ekkonis la plej bonajn amikojn kaj ĝi eĉ savis mian menson dum tiuj malfacilaj kvar jaroj : ni rajtis pruntepreni unu libron por ĉiuj du monatoj por ke ni vivu en barakoj kulture. Mi tralegis ĝin ĉiam rapide kaj poste tradukis ĝin, kvankam sen papero, nur por ekzerci la cerbon, kelkfoje en Esperanton, antaŭ ol mi povis ricevi la novan.

*Intervjuis : Petro kaj Stanjo Chrdle*

**INTERNACIA FERVOJISTO**
54-a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia Fervojista Esperanto-Federacio**

**Redaktoro : Jean Ripoche**
**6 rue des Platanes**
**FR-72 230 Arnage, France**
**Tel /Fakso +332 43 21 16 39**
**Retadreso :**
**Jean.Ripoche@wanadoo.fr**

**Prezidanto** : Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
Retadreso : lov0354@iperbole.bologna.it

**Vicprezidanto** : István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
Retadreso : kozsu13@freemail.hu

**Sekretario :** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb

**Kasisto** : Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, Appt 132
FR-49100 Angers
Tel : + 33(0)2 41 20 19 40
Retadreso :
Laurent.vignaud@wanadoo.fr

**Franca poŝtĉekkonto :**
**Atentu :**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(pagante per bankĝiroj el eksterlando, aldonu 2 eŭroj pli por bankelspezoj)

**UEA-konto :** iffk-o

**Apermonatoj :**
Januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino :**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo :**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy út 73/75
HU-1062 BUDAPEST, Hungario

**IFEF-TTT-paĝaro :**
HTTP://perso.wanadoo.fr/esperanto/ifef
ISSN 1397-4270

VIG 2002.467

## *Inundo de la eldonejo "Kava-Pech" en Ĉeĥio*

Jam en Brazilo, kie li partoprenis la UK-on en Fortaleza, Petro Chrdle, la posedanto de la eldonejo "Kava-Pech", eksciis de sia filino en Ĉeĥio, ke la eldonejo suferis pro grava inundo.

Fakte, akvo en la alto de 2 m-oj alvenis en la garaĝon uzitan kiel stokejo de multnombraj enesperantaj libroj kaj ankaŭ difektis diversajn materialojn kiel libran tranĉmaŝinon. Multaj aliaj ekipaĵoj restis subakvo.

*"Pri la stokejo, mi ne havis asekuraĵojn, vere neniu eĉ en la sonĝo povis imagi, ke la akvo transiros altan barilon kaj la ŝtelistoj ja ne interesiĝas pri stokejo de libroj. La valoro de la libroj, kiujn mi devas forĵeti, estas proksimume taksita je la valoro de 50 000 €, de tio pli ol triono, libroj en Esperanto aŭ por Esperanto (lerniloj, vortaroj)"* diris Petro Chrdle. *"Mi ne nomas tion katastrofo, ĉar la vivo instruis min, ke estas pli altaj valoroj en la vivo ol posedi ion. Kaj kompare kun aliaj, kiuj estis pli trafitaj, mi havas sekan loĝejon kaj savitajn multajn teknikajn ekipaĵojn. Do, mi akceptas, kion ne eblas ŝanĝi. Feliĉe ke restis al mi iom da ŝparita mono, kiun mi dediĉos al reeldono de kelkaj libroj en la ĉeĥa por resti en subkonscio de ĉeĥaj librovendistoj kiel eldonisto. Krome, mi jam reaĉetis kelkajn ekzemplerojn de miaj libroj de ĉeĥa Esperanto-Asocio por povi plenumi eventualajn mendojn. Tamen, bedaŭrinde komplete malaperis lernolibroj de Esperanto kaj vortaroj, ĉiu Esperanto-beletro inkluzive la novaĵojn [La skandalo pro Jozefo], Rakontoj ne nur ŝercaj kaj [Les bases de l'espéranto], kiujn mi prezentis unuan fojon dum la ĉijara UK, kaj ĉiuj fakaj libroj en Esperanto."*

*Se vi pretas helpi savi la Esperanto-eldonejon kaj tiel iom kontribui al la venontaj eldonaj planoj de la eldonejo KAVA-PECH, eblas sendi monrimedojn eĉ la plej modestajn al la konto **"pchr-s"** ĉe UEA. Tiu sumo estos uzata nur por la eldono de esperantaj libroj.*

**Fervoja Koresponda Servo**
S-ro PORUPKA Sorin
Mihai Bravu 32/2
RO-6200 Galati



Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.
Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.
Retadreso : galati@radiotel.ro